## IREJO - Bulteno

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaborantoj : Fáriba Nuri Máĝd, Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Eldòna ordo : du monate □Poŝta adreso : P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano, Irano □Telekopiilo : (+98) 021 363232 □Telefono : (+98) 021 4506503

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Es[illegible]ro de IREJO :

***Prezidanto*** : M.Reza Torabi, P/a : IREJO

***Vicprezidanto*** : Fáriba Nuri Máĝd, P/a : IREJO

***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii, P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (+98) 021 4506503

***Kasisto*** : Ábbas Bagestani, P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (+98) 021 6612445

***Komisiitoj*** :

Ĝámŝid Áhmádi (Sciencaj aferoj), P/a : IREJO

Ábdollah Hákimneĵad (Universitataj aferoj), P/a : IREJO

**« 5a Ĝenerala IREJO kunveno »**

Okaze [illegible]a naskiĝdato de L.L.Zamenhof. "Tago de Esperanto libro"

Dato : ĵaŭde 14 12 1995/23 09 1374

Ejo : la IREJO sidejo-Tehrano

Ĉeftemo : kian strategion por IREJO ?

Aliĝkotizo : IREJO membroj : 2500 Rialoj, la aliaj gesamideanoj : 5000 Rialoj . ( B.v vian aliĝkotizon pagi al la kasisto) Detalaj informoj : Hámzeh Ŝáfii, (ĝenerala sekretario) tel : 021 4506503, P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano.

## La mesaĝo de UEA prezidanto al IREJO

Dankon pro via afabla letero, datita 15 Aug.[...] post mia elektiĝo, multaj Europanoj gratulis min, dirinte ke nun Esperanto estas vere "tutmonda". Pro tio, mi bezonas vian viglan agadon por montri al la tuta Esperantujo ke Azianoj ankaû estas bonaj esperantistoj.

Unu el la problemo de la Esperantujo estas maljunuliĝo de esperantistoj. Sen kontinua fluo de nova sango, neniu movado sukcesas. Ni devas forte subteni aktivecon de junularo en Esperantujo.

UEA decidis ke la 7-a de Oktobro estu "Ago-tago", kaj sugestis landajn asociojn, inkluzive junularajn asociojn, agu en tiu tago, tutmonde. Mi esperas via organizo ankaû planas nun kaj agas en la 7-a de Oktobro. Vi povos, ekzemple,

1) disdoni surstrate foliojn pri Esperanto,
2) okazigi seminarion pri lingvo por internacia interkompreniĝo kaj paco.
3) petu vian registaron aprobi Esperanton kiel regula lingvo por instrui en mezlernejo,
4) okazigi Esperantan ekspozicion
5) okazigi novan Esperantan kurson, k.t.p.

Post bonvole informu al UEA organo "Esperanto" pri via agado, kaj la revuo raportos vian agadon.

En la fino de Augusto en 1996,Azia Kongreso okazos en Ŝanghajo en Ĉinio. Se vi povas partopreni la kongreson, vi povos renkonti multajn Koreajn kaj Japanajn Esperantistojn.

Mi esperas ke Azia junularo aktive partoprenos la kongreson kaj prezentos specialan programon de Azia junularo.

Ankoraûfoje mi dankas al vi.

[Prof. D-ro]LEE Chong-Yeong,
UEA Prezidanto

## Enhavo :


| | Paĝo |
|---|---|
| La mesaĝo de UEA prezidanto al IREJO | 3 |
| 4a IREJO renkontiĝo | 4 |
| Bazaj informoj pri AIS (lasta parto) | 5,6,7 |
| Kantu ni kune (Papago) | 7 |
| Kulture | 8 |
| Lingva diskuto | 9 |
| Bildvortaro | 10 |
| Kontaktreto | 11 |
| Konkurso | 12 |
| Novajoj | 13,14,15 |
| Anoncoj | Lasta paĝo |

kvara IREJO-renkontiĝo kiel jara ĉefkunveno okazis en la 19-a de Mordad (10a de aŭgusto) en la IREJO-Sidejo en Tehrano. En Tiu-ĉi kunveno partoprenis 15 Esperantistoj. La programo estis bone planita.

Unue f-ino Mágd bonvenigis ĉiujn partoprenantojn kaj prezentis la programon. Poste s-ro Azári parolis al ĉeestantoj.

Raporto de s-ro Azár-huŝáng pri la 80-a UK kaj lia vojaĝo tra Rusio, Okrainio kaj finlando estis posta programo. La novaĵoj pri la kongreso kaj lia vojaĵo estis interesa kaj treege plaĉis al ĉiuj.

La grava planita programo por ĉijara ĉefkunveno estis elektado de nova estraro por du jara periodo 95-96. Tio plenumiĝis sukcese, kaj per la maĵoritato de voĉdonoj elektiĝis la nova estraro, kiuj estas :

- S-ro M.Reza Torabi, — Prezidanto (Planado, eksteraj rilatoj, informado)
- F-ino Fáriba Nuri Máĝd, — Vic-prezidanto (Virinaj aferoj, kunvenoj kaj kunsidoj)
- S-ro Hámzeh Ŝáfii, — Ĝenerala sekretario (Internaciaj aferoj, Pasportaservo)
- S-ro Ábbas Bagestani, — Kasisto (Eldonaj aferoj, komputila rondo)
- S-ro Ĝámŝid Áhmádi, — Komisiito pri Sciencaj aferoj
- S-ro A.Hákimneĵad, — Komisiito pri universitataj aferoj

Kvaronhora ripozo konsistis el manĝado de fruktojn kaj teotrinkado, kaj samtempe estis ŝanco por aŭskulti Esperanta muzikkasedon en amikeca atmosfero.

Laste prelegis Prof. D-ro Váhidi pri la lingvo kaj kulturo.

Je la fino oni fotis komunajn memor-fotojn.

---

**Aktivulo serĉata!**

IREJO serĉas volontulon samidean(in)on por direktado de "IREJO Bibliotekon" . Ni bezonas vian kunlaboron, ne hezitu informigi nin pri tiu afero se vi povas fari tiun. Interesitoj detalajn informojn mendu ĉe la ĝenerala sekretario. Antaŭe dankon! Kaj bonvenon!?

*(Dua kaj lasta parto;)*

## Kiu subtenas la Akademion?

Aldone al la jura kaj materia subtenoj, kiujn AIS ĝuas fare de la Respubliko de San Marino, ĝin subtenas finance la "Subtena Sektoro" - al kiu la statuto de AIS koncesias certan memadministradon - kaj intelekte la neformala Internacia Scienca kolegio (ISK), el kiu AIS aligas siajn efektivajn membrojn kaj adjunktojn, kaj invitas siajn prelegantojn. Al la Subtena Sektoro apartenas momente (junio 1991) 158 personaj kaj 9 kolektivaj subtenaj membroj. AL ISK aliĝis jam preskaŭ 800 sciencistoj el 52 landoj de ĉiuj kontinentoj.

## Kiel aliĝi al AIS?

La senato nomumas novajn akademianojn, asociitajn membrojn kaj adjunktojn el inter la membroj de ISK. Ĉiu membro de ISK povas aliĝi kiel subtena membro per neformala letero al la Subtena Sektoro de AIS. Jarkotizo estas "1 AKU"(=Akademia Kotizunuo), t.e. momente (1991) 100, - DM aŭ 75.000 LIT. La estraro de la Subtena Sektoro decidas pri akcepto de kolektivaj subtenaj membroj (sama kotizo). Aliaj personoj povas fariĝi subtenaj membroj (kaj tie kundecidi materie pri la laboro de AIS) kun aprobo kaj de la Asembleo de la Subtena Sektoro kaj de la Senato de AIS.

Estas invitita aliĝi al ISK ĉiu sciencisto de ajna fako, kiu finis sukcese universitatnivelan studon minimume dujaran (ekz. per "diploma", la "Vordiplom", la "bachelor"-grado, la inĝenierekzameno, la ekzameno de elementlerneja instruisto ktp.) aŭ kiu akiris nacinivele pli altan sciecan rangon. Nepra kondiĉo krome nur estas, ke la aliĝpreta sciencisto almenaŭ scipovas lege kompreni facilan tekston en ILO. Simbola kotizo estas 4 internaciaj respondkuponoj aŭ 0.04 AKU (momente 4, -DM aŭ 3 000 LIT).

Kiu jam plurajn jarojn lernis kaj praktikas labori en arta fako (muziko, pentrado, danco, beletro, teatro, ktp.) aŭ teknika (maŝin-, dom- aŭ stratkonstruado, elektrotekniko, medicino, pedagogio, komunikado, administrado ktp.) estas invitita aliĝi sub la samaj kondiĉoj al la Internacia Arta Kolegio (IAK) resp. al la Internacia Teknika Kolegio (ITK) de AIS - la personaj azoj de la nun starigataj Arta kaj Teknika Sektoroj de Akademio.

## Kion faras AIS ?

AIS plenumas kaj tipe akademiajn taskojn (okazigo de konferencoj, honorigoj de elstaraj sciencistoj, artistoj kaj teknikistoj, aperigo de

publikaĵoj) kaj tipe universitataj (realigi kursojn kaj ekzamenojn) Regule okazas universitataj sesioj kun kursoj, prelegserioj, debutprelegoj, libera prelegoj, kandidatprelegoj, ekzamenoj, kunsidoj de la organoj de AIS kaj kun kultura kadra programo. La Sanmarinajn, resp. Sanmarinecajn Universitatajn Sesiojn (SUS) kaj aliajn formojn de instruado kaj ekzamenado okazigas AIS ne nur en la Respubliko de San Marino mem, sed helpe de siaj filioj, informcentroj kaj kunlaborantaj universitatoj ankaŭ en aliaj landoj, ekz. en Bialystok (Pollando), Sibiu-Hermannstadt (Rumanio), Prago kaj Opava (Ĉeĥoslovakio), Debrecon (Hungario), Moskov kaj Leningrado (Rusio), Libera Universitato Aristoteles Ateno (Greklando). Cento de universitatoj, kie laboras AIS membroj, estas tiel pere de ili reprezentataj ĉe AIS.

## Kian strukturon havas AIS ?

La Scienca Sektoro estas dividita en ses seciojn, gvidataj per dekanoj.

Sekcio 1 : kibernetiko ( kun fakaroj antropokibernetiko, ĝenerala kibernetiko, inĝenierkibernetiko kaj biokibernetiko)

Sekcio 2 : humanistiko (fakaroj : bazaj neparametraj antroposciencoj, neparametraj socisciencoj, neparametraj artsciencoj kaj integraj kultursciencoj)

Sekcio 3 : struktursciencoj (pensadstruktursciencoj, imagstruktursciencoj, formalaj matematikaj sciencoj)

Sekcio 4 : filozofio ( filozofiaj bazosciencoj, filozofiaj valorteorioj, model- kaj scienceteorioj, ideohistorio)

Sekcio 5 : natursciencoj (substancikoj, mondikoj, biosciencoj).

Kvindeko da ordaj profesoroj (OProf) ,nome la plenrajtaj membroj (MdAIS) kvradeko da asociitaj membroj (AM- dAIS) , asociitaj profesoroj (AProf) aŭ plenrajtaj docentoj (PDoc) - kaj preskaŭ ducent adjunktoj (AdAIS) - kvindeko da asociitaj docentoj (ADoc), kaj ĉ . 150 adjunktoj sciencaj ( ASci ) laboras en la ses sekcioj de la Scienca Sektoro . La tri alaij sektoroj estas la Subtena Sektoro kaj la starigataj Sektoroj Arta kaj Teknika.

## Kiel ricevi pli da informo pri AIS ?

Detalan dokumentaron pri la evoluo, statuto kaj regularo de AIS enhavas la de AIS publikigitaj "Ekesto kaj celoj de la Akademio

Internacia de la Sciencoj San Marino" kaj "La regularoj de AIS". Decidprotokolojn de la organoj de AIS publikas la kvaronjara, kvarlingva revuo "grkg/Humankybernetik", kiun subtenaj membroj de AIS ricevas senpage, aliaj povas aboni. La prelegtekstojn kaj sciencajn artikolojn alportas le serio "Acta Sanmarinensia", la detalajn informojn pri membraro kaj strukturo oni trovas en "Internacia Sciencista Dokumentaro". AIS krome publikigas sciencajn librojn de siaj membroj kaj havigas la instruprogramojn helpe de sia medioteko. Specialaj informoj estas haveblaj ĉe la dekanoj kaj ĉe la scienca sekretariejo.

Konstanta adreso de AIS : Chisetta di palazzo Regni, Contrada Omereti, SM-47931 San Marino Citta.

---

## *Papago*

Mi konas unu homon,
nomiĝas li Papago.
Li multe ŝatas dogmojn,
aspektas kiel aglo.

Se iu lin demandus,
ne gravas eĉ pri kio,
do multe vi ekaŭdos
sed pri io ajn alia.

Ne provu diri kontraŭ,
komprenos li apenaŭ.
Li nur por vi demonstras
al homoj apartenon.

Sed li Papago estas.
En lia kap' malforta,
kiel en poŝta kesto,
nur vortoj.

Eĉ unu propran penson
li diri ne kapablas.
Nur frazojn, nur sentencojn,
kaj multajn saĝajn fabelojn.

Kaj kiam iu provas,
paroli ege multe,
mi nepre remoras
pri mia konatulo.

Ne provu diri kontraŭ,
komprenas li apenaŭ.
Li nur por vi demonstas
al homoj apartenon.

*De : Ĵamort*

### *Ebne sina, grand-Irana scienculo*

Ebne Sina (Aviceno) estas la nomo de unu el la plej grandaj scienculoj de la scienculedukanta lando Irano. Li naskiĝis en la jaro 359 sunheĝira[1] en la vilaĝo Ĥormejsán, kiu apartenis al la urbo Boĥara[2]. Tiu epoke Boĥara estis granda urbo. Aviceno lernis koranon, literaturon, kaj Islaman jarisprudencon ĉe sia patro, kies nomo estis Abdollah. Ankaŭ geometarion, kaj logikon li lernis ĉe sia instruisto s-ro Nateli. Krom tiuj ĉi sciencoj li ankaŭ lernis fervore aliajn gravajn sciencojn de sia epoko, kiel matematiko. Astoronomio, Naturaj sciencoj kaj Medicino. Li lernis ilin ne ĉe instruistoj, sed li mem sole. Li estis tre lerta, tiel, ke li anticipis siajn instruistojn kaj liaj instruistoj tre miris pro lia granda talento.

Kiam Abu Ali Sina[3] estis nur 18 jara junulo, li fariĝis lerta kuracisto. En tiu tempo unu el la reĝoj de Irano (Nuh Ebne Mánsur) malbone malsaniĝis. Neniu kuracisto povis kuraci lin, kaj nur 18 jara Aviceno resanigis lin.

Aviceno dum sia vivo vojaĝis de urbo al urbo. Iam li estis ĉe Nuh Ebne Mánsur, iam ĉe mágdoduleh, iam en la urbo Hámedan li estis la ministro de Ŝámsodouleh - unu el regantoj - kaj fine 57 jaroj li vojaĝante al Hámedano forpasis en la jaro 416 sunheĝira[4]. Oni enterigis lin en tiu urbo. Nun lia maŭzoelo situas en Hámedan, kiu situas okcidente de Irano. Abu Ali Sina havas pli ol 90 librojn kaj libretojn. Li verkis pli multon da siaj libroj en Arába lingvo, ĉar tiu epoke Arabo estis scienca lingvo. Li ankaŭ havas perslingvajn librojn kaj poemojn. Nun la nomo de kelkaj de liaj libroj : Resaniĝo, la savo, la leĝo, Álai diplomo, gestoj kaj punoj, ktp. Dum multaj jaroj oni instruis liajn librojn en Eŭropaj lernejoj kaj universitatoj.

*De: Áli Ásgár Kosári-Kángavár*

1. La jaro 980 P.K; Sunheĝira estas Irana kalendaro.
2. Nun Boĥara estas urbo en Uzbekio, sed tiu epoke apartenis al Irano.
3. En persa lingvo oni ne diras Aviceno, sed Ábu Áli Sina, Bu Áli aŭ Ebne Sina.
4. La jara 1307 P.K

در حال حاضر منابع فرهنگی اسپرانتو به دو فرهنگ فارسی –اسپرانتو و اسپرانتو–فارسی تألیف بدیع صمیمی خلاصه می شود. از آنجا که منابع فوق کامل و تخصصی نبوده و از سوی دیگر در سالهای گذشته بعلت توسعه تکنولوژی واژه های جدیدی در زبان اسپرانتو ساخته شده که لازم است کاربران زبان اسپرانتو از آنها آگاهی یابند، بنابراین از پژوهشگران و علاقه مندانی که در زمینه واژه شناسی و واژه یابی تحقیق می کننددعوت می کنیم یافته ها و نظرات خود را از ما دریغ نفرمایند. ما برای شروع کار ، واژه هایی را با معادل فارسی معرفی می کنیم و چنانچه شما خواننده گرامی واژه هایی را می شناسید که لازم است معرفی و معادل نویسی شوند برای ما بنویسید. ضمنا منابع و ماخذ هر واژه را یادداشت فرمایید تا به نام خودتان منعکس شود. پیشاپیش از همکاری شما سپاسگزاریم.

| | | | |
|---|---|---|---|
| vidbendo | نوار ویدیو | elektronika poŝto | پست الکترونیکی |
| vidkasedo | کاست نوار ویدیو | telefonkarto | کارت تلفن |
| (tele)vidregistrilo | ویدیو ضبط | Antenpelvo | آنتن بشقابی |
| vidbenda kamero | دوربین ویدیویی | printilo | چاپگر |
| televidludo | بازی ویدیویی | disketo | دیسکت |
| portebla telefono | تلفن موبایل | kompakta disko | دیسک صفحه |
| telekopiilo | نمابر(فاکس) | kasedo | کاست نوار(فیلم یا ضبط) |
| retpoŝto | پست شبکه ای(کامپیوتری) | televido | ویدیو |

## *Mesaĝo al aktivulinoj*

Karaj Esperantistinoj!

En nuna tempo virinoj estas konsiderinda potenco en diversaj kampoj de la socio, kaj per siaj precizeco, inteligento kaj konscio povas esti kapablaj por antaŭenirigi gravajn aferojn.

Certe virinoj povas delikate kaj ĝustpense esti utilaj por la Esperanto-movado. Mi nun ĉi-rimede informigas vin Ĉiujn, ke virina sekcio en IREJO estas inaŭgurita kaj tiu sekcio bezonas vian helpon kaj akompanadon.

Disvastigi Esperanton ankaŭ necesigas enviciĝon de la Esperantistinojn. Ni atendas scii viajn vidpunktojn, ankaŭ atendas vian kunlaboradon kaj kontribuadon.

*Fáriba Nuri Máĝd*

*La gvidanto pri virinaj aferoj de IREJO*

# Bildvortaro




## EJO kaj ISTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. -EJO | VENDEJO | 18. | | PACIENTO | i. | -AĴO | KUDRAĴO |
| | = BUTIKO | a. | | VENDO-TABL | j. | | BOBENO |
| 2. -EJO | LERNEJO | b. | -AĴOJ | VENDAĴOJ | ĵ. | -ILOJ | SKRIBILOJ |
| 3. -EJO | KUIREJO: | | | = VAROJ | k. | -ILO | SKRIB-MAŜINO |
| | RESTORACIA | c. | -ILO | (KAS)REGIS- | | | = TAJPILO |
| 4. -EJO | OFICEJO | | | TRILO | l. | | KALENDARO |
| 5. -ISTO | VENDISTO | ĉ. | -ILO | SEN-ŜAŬMI- | m. | -AĴO | TAJPAĴO: |
| 6. -ISTINO | INSTRUISTINO | | | GILO | | | PAPERO |
| 7. -ISTO | KUIRISTO | d. | | HOKOJ | n. | | BUŜA SPIRO |
| 8. -ISTO | OFICISTO | e. | | BOVLO | o. | -ILO | AŬSKULTILO |
| 9. -ISTO | POLICISTO | f. | | OV-ŜELO | p. | | STABLO |
| 10. -ISTO | ŜU-FLIKISTO | g. | -AĴO | FRITAĴO: | r. | -AĴO | PENTRAĴO |
| 11. -ISTINO | KUDRISTINO | | | OVAĴO: | s. | | PENIKO |
| 12. -ISTINO | TAJPISTINO | | | OMLETO | ŝ. | | PALETRO |
| 13. -ISTO | KURACISTO | ĝ. | -ILO | FRITILO | t. | | FARBO- |
| 14. -ISTO | PENTRISTO | | | = PATO | | | SKATOLO |
| 15. -ANTINO | AĈETANTINO | h. | -ILO | FAJFILO | u. | | FARBO-TUBOJ |
| 16. -ANTOJ | GELERNANTOJ | ĥ. | | KUDRO- | | | |
| 17. -INO | SEKRETARIINO | | | MAŜINO | | | |

## Kontaktreto

El Koreio:

Mi sendas al vi aplaŭdon pro senĉesa evoluigo de E-o movado junulara en via lando. Laŭ mia opinio la bulteno IREJO montras viglan aktivadon de via organizo kvazaŭ spegulo.

KIM Kiwon, ĉefredaktoro de verda voĉo

El Usono:

Ĵus atingis nin la lasta numero de via tre bonaspekta gazeto (N-ro 9/Ĥordad-Tir 1374), do ni dankas vin. Mi tre esperas, ke rilatoj inter niaj organizoj pliboniĝas kaj aktiviĝos dum la venontaj du jaroj. Malgraŭ la granda distanco inter Irano kaj Usono, ni ja povas kaj kapablas fari multe .... ni nur bezonas cerbumi iom ekzemple estus interese por junaj usonanoj iel lerni pli pri persa kulturo, kiel funkcias la persa kalendaro kompare al la "okcidenta" kalendaro, gravaj festotagoj, ktp.

Josef T.Trung, Direktoro de USEJ(Usona E-ista Junularo)

El Ĉinio:

.... la Ĉina Junulara Esperanto-Asocio deziras havi kontakon kaj kunlaboron kun IREJO en diversaj kampoj.

YU Tao, Prezidanto de ĈJEA

---

### *Zamenhofa proverbaro*

*Akvo bolas, murmuras, sed fine ĝi kuras.*

*Al ĉevalo donacita oni buŝon ne esploras.*

*Amiko fidela estas trezoro plej bela.*

*De parolo ĝis faro estas tre malproksima.*

*Infano ne krias, patrino ne scias.*

*Kie timo, tie honto.*

*Pli valoras propra ĉemizo ol fremda plena valizo.*

## Konkurso

***Jen la 3a konkurso por IREJO membroj:***

A: kompletigu ĉi-subajn frazojn uzante la rilatajn vortojn.

1- Kja-rostámi, .Kies.... stilo al mi plaĉas, estas reĝisoro.

2- La maniero, ..kiel.... tiu filmisto konstruas siajn filmojn, tute plaĉas al mi.

3- ...Kia.. filo, tia patro.

4- La unuaj , .Kiuj.. prelegis, amuzis la ĉeestantojn.

5- Diru al mi la kaŭzon, ..kial.... vi tiom timas?

6- Mi decidis tion la tagon, ..Kiam.vi vizitis min.

7- La sola, kion mi deziras estas la paco.

B: uzu la artikolon, se necesas:

8- Mi ne kapablas klarigi ...La... teorion de ...la.... klera profesoro Einstein.

9- El ĉiuj birdoj ....La.... najtingalo estas .......... plej bele.

10- .......... Everesto estas ....La... plej alta pinto de .......... Himalajo.

C: Ĉu da aŭ de ?

11- Kiom ...da.... homoj, tiom ..da..... gustoj?

12- Li kuris kelke .da...... metroj.

13- La amaso estis jam en la distanco .de...... dekkelke ..da..... paŝoj.

14- Kian paketon mi aĉetis, ....da... teo aŭ ....da.... kafo?

15- Kvaronjaro estas parto ....de... jaro.

16- Kvaronjaro estas peco ....da..... tempo.

Ĉ : Ĉu per aŭ kun ?

17- Li verŝas akvon ....per.. sitelo.

18- Ŝi riparigis la aŭton .Kun... garaĝisto.

19- Mi laboras ..Kun... pacienco.

20- La tablo estas kovrata de mia patrino .per.... tapiŝo.

La respondojn ĝis la 25an de Aban sendu al la redakcio indikante sur la kovreto "3a konkurso". (La solvoj en la venonta numero)

Bonan Ŝancon!

## "Irana Esperanto Asocio"(IREA) fondota

Laŭ la strebodo de IREJO aktivuloj kaj aliaj aktivaj agemaj gesamideanoj en Tehrano oni alpaŝis seriozajn agojn por establo de "Irana Esperanto Asocio" (IREA). La bezonitajn dokumentojn por registrigi IREA-n ĉe la ministrio pri la enlandaj aferoj oni preparis kaj espereble sen ajna malfacilaĵo Irana Esperantistaro havos al si mem specialan asocion registrite baldaŭ.

Registrigo de Esperanto asocio ĉe la ministrio pri la enlandaj aferoj donos oficialan permeson, per kiu la disvastigado de E-o tra Irano klare antaŭ videblas.

## La Nacia gazetaro je la servo Esperanto

Ekde la pasinta jaro la nacilingva gazetaro ofte aperigas informojn, novaĵojn kaj artikolojn pri E-o. Tiu estas laŭ la metodo kiun oni en IREJO nomas "malrekta varbado". Laŭ la propono de IREJO rekta varbado pri E-o en publikaj amaskomunikadoj nuntempe ne povas havi bonan rezulton, do komence oni indas malrekte fari varbadon pri E-o.

Feliĉe la proponita metodo de IREJO efikis kaj la gazetaro publikigas informojn ne varbcele sed novaĵcele aŭ informcele pri E-o. Ĉiujn samlandanajn gesamideanojn ni invitas al la kunlaborado pri tiu afero se ilin interesas la afero, oni kunplezure faros konsultojn al ili pri la projekto.

## Konkerita ankaŭ Sábálan!

Unua fojo estis ke oni aranĝis IREJO ekskurson. La programo sukcese antaŭeniris. 9 samideanoj partpprenis la IREJO ekskurson dum 5 tagoj. Sabate 9.5.74 (31.7.95) sukcese oni konkeris Sábálan monton, kantante la nacian himnon kaj Esperantajn kantojn, superlevante E-o flagon sur la pinto de Sábálan. La varbado estis bone planita kaj multaj montgrimpantoj interesinte akiris infirmaĵojn pri la E-o lingvo.

Por venontjara sumero oni aranĝos riĉegan programon, do ĝis la venontjara sumero kaj Sábálan ekskurso!.

## Nova TEJO estraro

Dum la ĉi jara IJK okazinte en Rusio TEJO trovis novan vizaĝon, oni elektis novan estraron kaj komisiitojn al ĝi, jen la nomoj kaj adresoj:

## Novaĵoj

Prezidanto : Danny ten haaf, Clarensteeg 2G, NL-2312 WJ Leiden, tel. kaj fakso +31 71 148801, retpoŝto <danny@rulgm0.leidenuniv.nl>

Vicprezidanto, Landa Agado: Jorg De Mulder, Beauvislaan 86, BE-2920 Kalmthout, tel. +32 3 666 9598, retpoŝto <jdemulde@zorro.ruca.ua.ac.be>

Vicprezidanto, KER: Jimmy Stryhn Meyer, Thorshavngade 22 II TV, DK-2300 Kϕbenhavn S, tel. +45 30 546871, portebla tel. +45 40 56[illegible]71

Ĝenerala Sekretario: Jeroen Balkenende, (provizore) Bachstraat 80, NL-2324 GN Leiden, tel. +31 71 763 289, fakso +31 71 275404[Instituut Lorentz], retpoŝto <jeroen@rulgm0.leidenuniv.nl>

Kasisto: Marion Grosjean, Rue du Nord 73, CH-2300 La Chaux-de-Fonds, tel. +41 39 288 101, fakso +41 39 230246 ('por Mario Belisle')

Kongresoj, KER-Seminarioj: Saskia Idzerda, Van Lieflandlaan 22, NL-3571 AB Utrecht, tel. +31 30 732588, fakso +31 30 714202 ('Voor Saskia Idzerda, tel. 732588'), retpoŝto <sidzerda@inetgate.capvolmac.nl>

Eŭropa Junulara Esperanto-Oficejo: Miquel Gomez I Besos, p/a EJO, Rheinweg 15, DE-53113 Bonn, tel. +49 228 235989, fakso +49 228 232764, retpoŝto <james@mvx3100.lnls.ansp.br>, <kultura@ccvax.unicamp.br>

**Komisiitoj (provizora listo)**

KER/Eŭropa Agado: Anna M.Ritamaki, Peltolavagen 6B36, FI-20720 Abo, tel. +358 21 361682, fakso +358 25 21718, retpoŝto <aritamak@ra.abo.fi>

KER/EKB : S. Ralf Frohlch, Kjellmansgatan 13-113, SE-41318 Goteborg, tel. +48 31 244367

KER/Junulara Forumo : Nikola Markarian, (3sep-15dec)3 Genyn Rd., Guildford, SurreyGU25NS, tel. +44 1483 821929, retpoŝto <li3lnm@sumey.ac.uk>

Orienteŭropo: Zdravka Bojĉeva, Ĵ.K. Mladost-3, bl. 374, vh. 2, et. 3, ap. 13, BG-1712 Sofia, tel. +359 2 769912, fakso +359 2 880458 ('por Z.Bojĉeva')

Volontula Servo: Francesco Amerio, Via Pagliani, IT-10126 Torino, tel. +39 11 6670 928

TEJO-tutmonde: Kalle Kniivila, Vaasanpuistikko 17-8. Krs., FIN-65100 Vaasa, tel. +Fakso labor. +358 61 3177011, tel. Hejma +358 61 3169425, tel. Portebla +358 49 813991, retpoŝto : <kallekn@walli.iwasa.fi>

## En 1996 okazos la 5-a IAKSTE

Rezulte de la sankcio fare de la Ĉina Ŝtata Komitato de Scienco kaj Tekniko la 5-a Internacia Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto, aŭspiciata de Ĉina Akademio de Sciencoj okazos en somero kaj aŭtuno de 1996 en Pekino.

La tempo de la konferenco : 21 jarcento : nova periodo de sciencteknika evoluo :

Agad-enhavo de la konferenco:

1.Akademia simpozio pri nova koncepto de scienco kaj altsciencteknikо.(2-8 Septembro 96 )

dividota de diferencaj sekcioj pri materiala scienco, spaca scienco, bioinĝenierado, ekologio kaj medio, informa scienco, homkorpa scienco, medicino kaj senmedikamenta terapio, internacia homa scienco, Yi Jing kaj nature scienco, ktp.

2. 96 Ekspozicio de monda sciencteknika esplorfruktoj kaj negoca konveno pri teknika interŝanĝo kaj varbado de komecistoj kaj investistoj. (2-8 Septembro 96)

3. Internacia kurso de akupunkturo kaj masaĝo (2-23 Septembro 96)

4. Internacia Somera Kampadejo en Esperanto por geknaboj kaj geinfanoj. (15-21 julio 96)

Por detala informo kontaktu kun : s-ino Wang Yuchun, Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio.

## Infanoj konkure lernas Esperanton

Renkonte al Internacia Geknaba Esperanta Somera Semajno 96, kun plena helpo de la gvidantoj de la tria elementa lernejo de Zhongguancun en Beijing, Esperanto-Asocio de Ĉina Akademio de Sciencoj fondis la infana Esperanto-kurson en ĉi lernejo. La kurso ekfunkciis en la 17-a de julio ĉijare. Instruisto Shen Chengru instruas Esperanton per bildoj, objektoj, kantoj, ludoj kaj similaj manieroj. 45 infanoj, de 7-jaraj al 9-jaraj, fervore lernas Esperanton en la kurso. Ili emocie deziras korespondi kaj renkontiĝi kun amiketoj en kaj ekster Ĉinio en ne tre malproksima estonteco, ekz. unue korespondi kaj poste renkonti en julio 96 dum la Somajn en Beijing. (Kontaktu kun

## Anoncoj

Esperanto-Asocio de Ĉina Akademia de Sciencoj, 52 Sanlihe, Beijing 100864, Ĉinio)

Antaû ne longe, la Asocio ankoraû fondis la saman kurson en kvartalo Zhongguancun kun la helpo de la 11-a kvartala loĝantara komitato de Zhongguancun. 12 infanoj, de 6-jaraj al 9-jaraj aliĝis la kurso. Nun ili lernas kune.

---

نشریات و کتابهای زیر از دفتر اسپرانتوجوان بصورت کپی قابل دریافت می باشند.

۱- LA DUA JARCENTO de ESPERANTO
فصلنامه فرهنگی، با مقالات و نقدهای ادبی در مورد ادبیات جهان. تکشماره : ۱۶۰۰ ریال، اشتراک سالانه ۵۲۰۰ ریال

۲- GEJ-GAZETO ، نشریه فرهنگی جوانان اسپرانتو دان آلمانی. (۶ شماره در سال) تکشماره ۱۶۰۰ ریال، اشتراک سالانه ۵۲۰۰ ریال

۳- Koncize ، نشریه فرهنگی جوانان اسپرانتودان اروپا(۶ شماره در سال) تکشماره ۱۶۰۰ ریال، اشتراک سالانه ۵۲۰۰ ریال

۴- Eventoj ، دو هفته نامه خبری - بین المللی اسپرانتو، چاپ مجارستان. تکشماره ۱۶۰۰ ریال ، اشتراک سالانه : ۲۴۰۰۰ ریال

۵- Monda kunagado، فصلنامه علمی - فرهنگی یونسکو به زبان اسپرانتو. چاپ فرانسه تکشماره : ۲۰۰۰ ریال ، اشتراک سالانه : ۶۸۰۰ ریال

۶- La letero de la Akademio de Esperanto، فصلنامه زبانشناسی اسپرانتو، تکشماره : ۱۲۰۰ ریال ، اشتراک سالانه : ۴۰۰۰ ریال

۷- Jenu Esperanto، نشریه فرهنگی جوانان اسپرانتو دان فرانسه (۶ شماره در سال) تکشماره ۲۸۰۰ ریال، اشتراک سالانه : ۱۴۰۰۰ ریال

۸- کتاب مجموعه مقالات برگزیده در مورد کامپیوتر، ۵۶ صفحه، ۳۵۰۰ ریال